# Aŭstraliaj ★ Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 17/05/2018 Tricentsepdekkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

**Ĝis nun 1,700,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



Ekstudis pli ol 1,330,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol 368,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol 2 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 28 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



PAG klarigas, ke la mediala voĉo, ekz. "turniĝi", estas parenca al la refleksiva voĉo, ekz. "sin turni". Sed la refleksivo estas aktiva voĉo, en kiu iu persono aktive turnas sin mem, dum en la medialo tiu persono estas turnata de io nekonata. Se infano sidas aŭ eksidas, ĝi faras tion mem, konscie, dum kiam ĝi (ek)sidiĝas io aŭ iu alia kaŭzas ke ĝi sidu, ekz. perdo de ekvilibro aŭ la vento aŭ hundo kiu puŝas ĝin, ĉar ĝi simple suferas la agon. Se oni hazarde scias la aganton, oni povas anstataŭ la medialo uzi la pasivan voĉon, ekz. "La infano sidigatis de la patrino", aŭ la aktivon, "La patrino sidigis la infanon". Kaj ankaŭ en la refleksivo oni scias, kaj esprimas, kiu faras la agon "sidigi", nome la infano mem sin sidigas. Samas la diferenco ĉe la aktiva "La patrino turnas la infanon" kaj la pasiva "La infano turnatas de la patrino" kaj la mediala "La infano turniĝas" kaj la (aktive) refleksiva "La infano turnas sin". Do tio kion PAG francinflue diras pri la mediala voĉo, nome ke la subjekto estas samtempe la objekto ne ĝustas kaj validas nur por la refleksiva voĉo. Cetere la Refleksivo ne estas voĉo. *Marcel Leereveld*





# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 19a de Majo estis la tria sabato.



# Malgrandaj sed belaj ĝardenoj.



**LA KVAR SIGNIFOJ DE LA PREPOZICIO "DE".**

Observu la jenon: "La manĝado de la infanoj". Ĉu la infanoj manĝas? Jes.

"La manĝado de la pomoj". Ĉu la pomoj manĝas? Ne.

Strange, ĉu ne? Jen pli stranga: "La manĝado de la pomoj de la infanoj".

Ĉu la infanoj manĝas la pomojn? Jes kaj ne.

JES, ili manĝas la pomojn. Kaj NE: Oni (nemenciita) manĝas la pomojn apartenantajn al la infanoj.

Sekve: "La manĝado de oni de la pomoj de la infanoj".

**JEN LA SOLVO** : "La manĝado ate de la infanoj ante al la pomoj",

Angle: *The eating of the apples by the children;* kaj:

La manĝado (ate de kaprino) ante la pomojn de (= apartenantaj al) la infanoj.

Angle: *The eating of the children's apples (by a goat).*

**P l u e** : "La manĝado de la kapridoj". Ĉu ni manĝas la kapridojn, aŭ ĉu la kapridoj manĝas?

D o : AŬ ni manĝas = "La manĝado ante la kapridojn",

AŬ la kapridoj manĝas = "La manĝado ate de la kapridoj" (= *"by"*).

Ne plu ĉeestas problemo! Ĉiuj aliaj solvoj de ĉi tiu problemo de "de" enhavas problemojn.

**P l u e** : "La foriro de mia patro". Ĉu mi foriras? Jes kaj ne:

Se mia patro foriras : "La foriro ate de mia patro" (= angle "*by*").

Se mi foriras: "La foriro for (el) de mia patro" (= angle "*from*").

Same: "La foriro ate de la cirko" = la cirko foriras, kaj

"La foriro el (for) de la cirko" = mi forlasas la cirkon.

Simile: "La ŝtelado de la infano" = 1). "La ŝtelado ate de la infano" kaj

2) "La ŝtelado ante al la infano", = oni ŝtelas la infanon, kaj

3) "La ŝtelado el de la infano" , = oni ŝtelas ion el la posedo de la infano.

"La murdo de la policano" = "ate de" Kaj "ante al".

"La manĝado de raŭpoj" = "ate de" kaj "ante al".

"La oficiala akcepto de la urbestro" = "ate de" kaj "ante al".

"La forpreno de la infano" = "ate de" kaj "ante al" kaj "for de".

"La trovo de la infano" = "ate de" kaj "ante al".

"La transporto de la ŝarĝaŭtomobilo" = "ate de" kaj "ante al" kaj "for de".

"La vido de la vundita okulo" = "ante al" kaj "ate de".

"La skulptado de la fama pentristo" = "ante al" kaj "ate de".

"La bruligo de la krimulo" = "ate de" kaj "ante al".

**Noto 1**. Ne eblas esti certa per la uzo de "fare de" kaj "fare al" ĝis la AdE oficiale decidas ke "de" en prepoziciaĵo kun elverba adverbo ĉiam kaj nur signifos ke ĝia determinanto estas la origina subjekto, kaj ke "al" en tiaj kazoj determinatas de la origina objekto (kiu procedo estas ofte sekvata). Ĝis tiam la nuraj certaĵoj estas la Fundament'ecaj "ate de" kaj "ante al", ĉar KAJ "fare de" KAJ "fare al" havas ankoraŭ la samajn kvar signifojn. Kaj "far" estas komplete kontraŭ la gramatikaj reguloj de Esp.to.

**Noto 2**. Laŭ la (de Zamenhof praktikita) Regulo de Signiforedukto oni decidis, ke ambaŭ adverboj "ate" kaj "ante" perdas sian signifon de tempo kaj retenas nur la signifon de AŬ pasivo AŬ aktivo, sed nur se uzataj en prepoziciaĵoj (same kiel la verba pasivo "-ati" perdis la signifon de tempo sed nur se uzata kun verba finaĵo, kaj same kiel falanto estas nur persono, ne arbo).

**KONKLUDO**: Se, pro siaj kvar tute malsamaj signifoj, la simpla "de" kaŭzas miskomprenon, kaj nur tiam, uzu tiukaze la jenajn Fundament'ecajn alternativojn klarsignifajn:

A). "for el" aŭ "for de" aŭ "el de" se "de" signifas malkuniĝon: "La rapidega forkuro el de la ĉevalo" (= "*from*");

B). "ate de" se "de" signifas la aganton de la verba radiko: "La forpreno ate de la infano" (= *by*);

C). "ante al" (aŭ "ante" + akuzativo) se "de" signifas la objekton de la ago en la substantivo: "La forpreno ante la infanon", kie la infano forprenatas;

Ĉ). "de" por ĉiuj aliaj kazoj, precipe ĉe aparteno kaj posedo, ĉe rilatoj, kaŭzo, origino, kaj ĉe pasivaj participoj: "La biciklo de la knabo"; "La enhavo de la rakonto"; "La rezulto de la eksperimento"; "Arestita de la polico".

Jen pliaj ekzemploj en klaso "Ĉ", kies baza signifo estas la posedo kaj la aparteno, kaj por kiuj ni ne povas uzi "for el" aŭ "ate de" aŭ "ante al":

La flugiloj de la birdoj; Birdo de blanka koloro; Homo de granda talento; Terpecoj de sama valoro; Vazoj de diversaj formo kaj grando kaj koloro; Vojaĝo de kvar tagoj; Ŝuldo de mil dolaroj; Larĝa de tri metroj; Kvarono de la kuko; La fino de la koncerto; La neceso de riparo; La supo de pizoj; La malantaŭo de la urbdomo; La bluo de la ĉielo; Kontenta de la rezulto; Proksima de la urbdomo; La sudoriento de la lando; La multeco de ĉeestantoj; kaj ĉiuj prepoziciaĵoj: Kadre de; depende de; komence de, k.t.p.

(Ate de) *Marcel Leereveld*.

**RESPONDOJ AL REAGOJ EN N.RO 372 AL MIA "TO GET".**

1). De Franciska: Multan dankon pro trovi kaj mencii eraron mian. Jes, kompreneble en tia frazo la verbo devas esprimati "retroveni". Ĉiuj ĝermanaj lingvoj faras klaran diferencon inter "re" kaj "retro": *to come again* kaj *wieder kommen*, to come back kaj *zurŭckkommen*. Zamenhof preferis la francan "*revenir*", kaj aldonis, kiel la francoj, "denove" (de *nouveaŭ*), kiu vorto cetere estas eraro kaj devas esti "refoje", ĉar "denove" logike signifas "el de kiam io estis nova" (vidu "dekomence"): "Mi aĉetis la aŭton denove", de kiam ĝi estis nova. Pri "ĝustotempe": Zamenhof kreis specialan regulon, ke se en vortkunmetado estas malfacila prononci la du radikojn en unu vorto, oni rajtas intermeti inter la du radikojn la sensignifan vokalon "o", ĉar en aglutina vortkunmetado oni ne povas havi signifan vokalon nek streketon, nek ĉefliteron nek finaĵon nek spacon (la etnaj lingvoj ne malofte faras escepton). Mi do konsekvence uzas la sensignifan "o" inter la du elementoj. Multaj Esperantistoj faras esceptojn, kaj la aglutina angla lingvo eĉ pli.

2). De Donald: Dankon pro la alternativoj! Mi malsamopinias nur pri cia "Ni pace interrilatis", ĉar "*to not get on with*" ne necese signifas malpacon.

3). De Trevor: Dankon pro mencii ke "*gemŭtlich*" similas al "*hyggelig*", kion mi forgesis mencii. Mi tute samopinias ankaŭ pri tio ke kelkaj vortoj ne povas kontentige esprimati per Esperantaj vortoj, sed mi esperas ke en tiaj kazoj ni en Esperanto sukcesos se ni uzas pli da vortoj, sen bezoni doni longan klarigon pri iu kulturaĵo. Simila problemo okazas ekzemple ĉe la eskimoj, kiuj ne havas vorton por neĝo sed havas ses diversajn vortojn por la specoj de neĝo, kaj ĉe la indonezianoj kiuj ne havas vorton por rizo sed havas diversajn vortojn por la diversaj stadioj de rizo.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Komentoj pri la Listo "*to get*" de Marcel.

31. *to get up breakfast.* Oni kutime nur diras ¨*to get breakfast*´ en la angla.

25. *and got over the owner*. signifas, ke la posedanto ne plu ĝemis ilin. -ili ne plu ĝemis pro la posedanto. Por signifi ¨trompi la posedanton¨ oni uzas aŭ ¨*got around the owner*¨ aŭ ¨*put it over the owner*¨.



*Terry Manley*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Retro

Ŝajnas al mi ke iuj kontribuintoj al AE miskomprenas la vorton *retro*. **En NPIV** troviĝas:

**retro**: prefikso signifanta movon aŭ agon faratan kontraŭe al la normala direkto: *retroaktiva, retroiri, retropaŝi* (dorsdirekte)...

**retroiri**: iri dorsdirekte, turnite plu al la mala direkto: *la ĉevalo retroiris kelkajn paŝojn; retroirigi aŭton, lokomotivon*

**retropaŝi**: paŝi dorsdirekte, ne turnante la korpon: *li retropaŝis du paŝojn, por pli bone enfokusigi la scenon*

**reveni**: veni tien, de kie oni foriris

### En la vortaro de Wells:

**retro** (adverb) back, backwards [= malantaŭen]; (prefix) retro-: **retroaktiva** retroactive; **retrospegulo** rearview mirror; **retroviruso** retrovirus

**veni** come;... **reveni** return

**backward** retroira...

**backwards** malantaŭen; dorsen; prefix retro-

**return** reveni, reiri, reiro, redoni, liveri, ...

### En la vortaro de Benson troviĝas:

**back up**, (go backward) retroiri [int]

**reverse**, (go backwards) regresi [int], retroiri [int]

La verbo **retroveni** estas rara. Ĝi ne aperas en NPIV sed evidente la signifo estas:

**retroveni**: veni malantaŭen (to come backwards).

Mi trovis nur unu ekzemplon en CorpusEye. Ĝi devenis de Monato:

*...la ŝoforo... kluĉis tro subite, la kamiono retrovenis, veturis rekte en la truon...* kiun mi tradukis al: *the driver engaged the clutch too quickly, the truck backed straight into the hole...*sed tio ellasas la sencon de *venis*, do eble pli bone, depende de cirkonstancoj: ...

*the truck lurched backwards towards me, straight into the hole*.



*Donald Rogers*



# Semajna raporto de Melburno



### DIMANĈA KUNVENO

Dimanĉon la 13-an de Majo sep homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar por kafumi kaj babili.

### LUNDA KUNVENO

Lundon la 14-an de Majo naŭ homoj (inkluzive de du komencantoj) kunvenis ĉe Ross House. Ni instruis la komencantojn kaj daŭrigis nian tradukon de mil kaj unu noktoj.

### VENONTAJ KUNVENOJ

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 20-an de Majo je 15:00-17:00

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 21-an de Majo je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1124 Instagram – 159

Facebook – 382 Telegram – 19

Twitter – 388

*Joanne Johns*



# Kunveno kun Petro kaj la Kanbera Klubo

Sendis *Cluck Lin*



BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

Petro Danzer BES Sekretario

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# SEMAJNO DE ENIGMOJ

## - La unua gazeto de enigmoj en Esperanto!

Ĝi enhavas klasikajn krucvortenigmojn, kriptan kaj silaban krucvortenigmojn, vortoserĉon, rebuson, aliajn vortopuzlojn, novaĵojn, kaj ceteraĵojn. Ĉefredaktoro de Semajno de Enigmoj estas Giorgio Denti, ankaŭ prezidanto de Roma Esperanto-Grupo.

KRUCVORTENIGMOJ

HORIZONTALAJ DIFINOJ (→)
1. Severe, pike; 6. ___ tagon !; 7. Komenca ... G; 9. Estas bemolo aŭ dieso (akuzativo); 11 ... de seksa amo, fekundeco kaj milito.

VERTIKALAJ DIFINOJ (↓)
1. Subskribi, monoferi; 2. Leĝaron, ĉifron; ... Unuiĝintaj Nacioj; 4. Bonan ___ !; 5. En la ... nimfo el Troado, filino de rivera dio Keb... por tantalo je kemio.

Abono estas SENPAGA. La aktualaj numeroj estas dissendataj retpoŝte al la abonantoj.

Detaloj ĉe la retejo: http://www.semajnodeenigmoj.com/informo_2.html

*Ret-Info / Lingvo-Studio, LS* *http://www.eventoj.hu* *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# SOMERA PROGRAMO 2018



Vidu la someran oferton de la franca Esperanto-kastelo Greziljono, klaku: http://gresillon.org/somero *Berto Ŝuman*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby



## Ĉapitro 13 Mi fariĝas ankaŭ ĉerkoportisto. Kvina ero

Kiel vi ĉiuj scias, ni ĉiuj volas dormi en la noktoj. Precipe noktogardistoj komprenas tion, kaj iom post iom solvas tiun problemon. Sed ne nur ordinaraj homoj kaj noktogardistoj povas dormemiĝi. Ankaŭ tramoj povas laciĝi. Precipe la kopenhagaj estis tre lacaj. Ili deziris dormadi, kaj tial estis konstruita por ili speciala tramripozejo, kie ili povis ripozi kaj esti riparataj.

Iun nokton en tiu tramripozejo mi renkontis du ulojn, kiuj evidente laboris tie. Mi demandis ilin, ĉu ili havas legitimilojn. Ili bonhumore montris al mi du trambiletojn. Nu, kiu povus ne ridegi pro tio. Mi permesis al ili daŭrigi sian laboradon.

Estis en Sudhaveno granda fabriko fabrikanta radiatorojn. Ĝi laboris la tutan tagnokton escepte de sabato kaj dimanĉo. Mi memoras, ke la ŝerifo estis montrinta al mi la enirejon al la

fabriko. Unue oni devis eniri tra dometo. En la dometo estis kuirejo, necesejo kaj du ĉambretoj. Eblis en la kuirejo prepari kafon kaj iomete paŭzi. Do tion mi preskaŭ ĉiam faris.

Tiam la ŝerifo ricevis laboron kiel pordisto en la radiatorfabriko. Iun nokton, kiam mi estis en Sudhaveno, mi eniris la dometon por prepari kafon kaj iom ripozi. Sed, ho ve ! Brilis lumo en la kuirejo, iu jam estis tie, kaj eble ankoraŭ ĉeestas. Sed estis virino, kiu preparas kafon. Demandite ŝi diris al mi, ke ŝi nun loĝas tie. Mi diris, ke neniu loĝas en la dometo. Tiam aperis la ŝerifo vestita kiel civilulo, fakte li aspektis preskaŭ homa, ne, eble ne homa, li aspektis pli kiel ies avo. Li klarigis al mi, ke fine li trovis Paradizon, t.e. la radiatorfabriko, kaj ĉar li nun loĝas en Paradizo, li bezonas ankaŭ sian serpenton, kaj ke la virino estas lia serpento. Ne sciante kion respondi al tio, mi eksiĝis kaj trinkis kafon kun ili. Poste mi daŭrigis mian rondon !

Estis tre bone deĵori en Sudhaveno dum la somero. Mi alvenis al la radiatorfabriko ĉirkaŭ la 23-a horo, kaj estis ankoraŭ tiom lume, ke mi povis legi ĵurnalon sen artefarita lumo. Fininte la rondon ĉirkaŭ la 1.30-a horo, mi ree povis legi la ĵurnalon, se mi volis. La malluma nokto daŭris nur 2½ horojn, se ne estis tro da nuboj !

Iun matenon, kiam ni, ok homoj, ses ĉerkoportistoj, unu stablokrurportanto kaj alia, kiu nur iris antaŭ ni por montri la vojon, staris antaŭ malfermita tombo en Vestre Kirkegård, sonis terura bruo, kaj forta vento preskaŭ forblovis nin de sur la surfaco de la tero en la tombon. “Kio en la mondo estis tio”, diris unu el ni. “Tio estis la gasfarejo, kiu eksplodis” respondis mi. Ne, ne povas esti, respondis ĉiuj aliaj.

Biciklante hejmen mi preterpasis la gasfarejon. Ekstere sur la strato staris histeria policano. Li ne volis permesi ke mi preterbiciklu la gasfarejon, ĉar li timis, ke eble okazos pli da eksplodoj. Kiam mi protestis kaj volis daŭrigi la bicikladon, li fortege puŝis min, tiom ke mi preskaŭ teren falis. Tiam mi decidis iri alian vojon hejmen.

Mi vidis, ke tegmentoj estis forblovitaj de preskaŭ ĉiuj domoj en tiu kvartalo. Fakte estis tre terure, kaj hejme en Hvidovre mi eniris bakistan vendejon por aĉeti ion manĝeblan por mi kaj mia familio. Ĉiuj estis aŭdintaj la eksplodon, sed neniu sciis, kio eksplodis. Mi estis la heroo de la tago rakontante al ĉiuj en la bakista vendejo, kio vere okazis.

Eble mi estis libera tiun nokton, ĉar ni ĉiuj biciklis por viziti miajn gepatrojn en Sudhaveno tiun posttagmezon. Nur mia patrino hejmis, mia patro estis for. “Kie estas Paĉjo”, mi demandis. “Li estas en malsanulejo”, diris mia patrino. Li estis veturanta preter la gasfarejo kiam ĝi eksplodis, kaj forblovita de la mopedo. Sed verŝajne li ne estas tre malsana, sed pro lia malbona koro, oni enmalsanulejigis lin. Tiam mi rakontis al mia patrino pri la histeria policano, sed tamen mi devis ja konfesi, ke li agis tre saĝe, kvankam ne plaĉis al li gardostari tie, tiom proksime al eksplodita gasfarejo. *Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**3ZZZ** ..... Se vi intencas ĉeesti la Universalan Kongreson en Portugalujo aŭskultu la elsendon de la 14a de majo en kiu estas priskribita la Palaco Queluz. Eblas aŭdi ankaŭ rakonton de Julian Modest. Fantomo en la hotelo.



Mi deziras sciigi vin ke la jarkunveno de la grupo okazos la 2an de junio 2018 je la 2a ptm en la radiostacio, Albert strato, Brunswick. Nepre venu. Ni bezonas kvorumon por komenci la kunvenon

Informas la kunvokanto, Franciska Toubale"